


# INTERNACIA FERVOJISTO

## 2015.1



***La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn***

# Terminologia angulo

### Pri klientpropraj fervojinstalaĵoj

En malnovaj terminaroj troviĝas terminoj „branĉtrako privata”, „industritrako” kaj similaj. Pro vasta privatigo de publikaj fervojoj necesis koncerna terminŝanĝo. Ankaŭ „industri-” ne bone taŭgas, ĉar temas ankaŭ pri komercaj ktp entreprenoj. Terminara Sekcio decidis terminon **„fervojinstalaĵo klienta”** por la difinita nocio:

> Fervojinstalaĵo sur areo de fervojklienta entrepreno, havanta trakokonekson kun publika fervojreto, tiel ebliganta uzon de fervojaj veturiloj sur la klienta areo.

La vorto „instalaĵo” (PIV: Tuto de la aranĝoj, faritaj por la funkciado de iu afero) taŭgas ĝenerale por ĉiuampleksaj aranĝoj, de plej simplaj (konsistantaj el nur unu klienta trako) ĝis grandegaj (ekzemple kun klientpropraj regejoj, lokomotivoj ktp).

**Heinz Hoffmann**
sekretario de IFEF-Terminara Sekcio

## FRONTPAĜO:

**Belega ponteto apud Lijiang, kie okazos la postkongresa ekskurso de la 67-a IFEF-kongreso**

## ENHAVO:

# LA POSTKONGRESO DE LA 67-a IFK

Post la 67-a IFEF-kongreso la LKK de la kongreso organizos kvartagan postkongreson al mirindaj regionoj kaj urboj en la Yunnan-provinco. Legante la Vikipedion en la interneto, kaj la gvidlibrojn mi rajtas diri, ke tiu postkongresa ekskurso estos la plej daŭra kaj neforgesebla travivaĵo por la partoprenantoj. Kio okazos?



*La tri pagodoj ĉe la urbo Dali*

La 23-an de majo la postkongreso komenciĝos per trajnveturado de Kunming al la antikva urbo **Dali**, kiu situas 456 km-jn de Kunming. La komforta trajno traveturas en pitoreskaj pejzaĝoj inter altegaj neĝkovritaj montaroj, sur verdaj valoj, apud malgrandaj kaj grandaj riveroj, akvofaloj, tra vilaĝoj kaj urboj. La unua tranoktado okazos en hotelo de Dali.

La 24-an de majo la partoprenantoj konatiĝos kun la antikva urbo Dali, kiu estis la ĉefurbo de la Nanzhao kaj Dali reĝlandoj, eĉ grava stacio de la „Suda Silkvojo". En la urbo vivas la „Bai-nacio", kiu estas fama pri la vestkolorigado. La partoprenantoj promenados sur la fama kaj belega „Eŭro-ĉina strato" por aĉeti lokajn popolartaĵojn kaj aliajn donacojn. Oriente de la urbo situas la 16 metrojn profunda „Erhai-lago" kun 256,5 km$^2$-jn etendaĵo. La lago troveblas je 1972 metrojn super la marnivelo. Ĝi ricevis la nomon Erhai (Orelmaro) pri ties formo. Apud la lago altiĝas la „Cangshan-monto", kies plej alta montopinto – „Malong-feng" (Ĉeval drakopinto) – havas 4122 metrojn alta.



*Folkloraj dancistoj sur la strato en Dali*

La partoprenantoj vojaĝos per luksa boato sur la lago, kaj dumvoje trinkos

trifojan teon. Post la boatado okazos vizito al la „Papilia-fonto, kie oni surprizos la ĉeestantojn kun ĉinaj kanto-dancado. La fonto ricevis sian nomon pri la apudstaranta maljuna kamforarbo, kiu printempe altiras multajn papiliojn. Poste okazos vizito ĉe la „Tri Pagodoj” de Congsheng–templo. Oni konstruis la pagodojn apud la lago Erhai sur malalta montopinto. La plej alta pagodo estas la meze, 16 etaĝa „Qianxun Ta”, kiu estas 69,13 metrojn alta, kaj la aliaj du pagodoj havas 42,19 metrajn altecojn.



*Parto de la "fabela" urbo Dali*

Vespere okazos promenado en la antikva urbo kun vespermanĝo, kaj la partoprenantoj tranoktos en sama hotelo de Dali.

La trian tagon – la 25-an de majo - la partoprenantoj per speciala aŭtobuso vojaĝos al la pitoreska antikva urbo **Lijiang**, kiu situas de Dali je 200 km-j. Dum la vojo la ĉeestantoj denove povas konatiĝi kun belegaj regionoj de Ĉinio, kaj ĝuos la belecon de tiuj vidindaĵoj.

La urbo Lijiang estas parto de la „Mondheredaĵo de Unesko” pro la grava historio kaj la beleco de la urbo kaj la ĉirkaŭaĵo. La urbo situas en la valo da la fonto de Jangce-rivero. En la urbo vivas la „Naxi-popolgrupo”, kiu devenas el la tibetaj nomadoj, kaj ili vivas en tiu socia organizo, en kiu la virinoj estras sian familion. (Do esperantistaj viroj ne permesu al la edzinoj studi tiun „matriarkan sistemon”!). La urbo Lijiang kroniĝas el la norda direkto la 5914 m-jn alta „Yulong-feng” (Jade-Drako montopinto). La „Nigra - Draka-lago” troveblas ĉe la norda parto de la urbo, kaj tie situas la „Jade Fonto Parko”, en ĝi la „Drakreĝa Pavilono”, kiu



*Malnova strato en Lijiang*

konstruiĝis en la jaro 1737. La malnova urboparto „Shuhe” enhavas malnovajn lignodomojn en mallarĝaj pavimaj stratetoj. En tiu urboparto ne rajtas trafiki veturilo, kaj multaj malgrandaj riveretoj kun multegaj ŝtonpontetoj donas ĉarman trajton de la urbo. Apud Lijiang troveblas la „Yufeng-klostro”, apud kiu staras 500 jaraĝa kamelia-arbo, kiu floras inter decembro kaj marto.



Post la alveno al la urbo la partoprenantoj havos eblecon promenadi en la antikva urboparto de Lijiang, sur la „Sifang-strato”, en la antikva „Dayan-gubernio”, kaj inter fabelaj konstruaĵoj. La tranoktado okazos en iu hotelo de Lijiang.

La 26-an de majo okazos la reveturo al Kunming per speciala aŭtobuso. Antaŭ la starto de la aŭtobuso la partoprenantoj denove vizitos la antikvan urboparton Shuhe, ĉar la vidindaĵoj kaj la neforgesebla etoso retiras la homojn al la pitoreska urboparto. Dumvoje okazos vizito en la „Dayulong-pejzaĝa regiono”, grimpado al la „Yunshanping-pinto” de la Yulong-monto, la plej proksima glaciaro de la ekvatoro. Okazos promenado sur la altebenaĵa paŝtejo „Ganhaizi” kaj ĉe la „Baishui-rivero”, eĉ en la „Lanyue-valo”.



*Naxi virinoj (Viroj atentu!)*

La partoprenantoj tranoktados en Kunming, kaj la 27-an de majo la organizantoj zorgos la veturadon de la hotelo al la flughaveno, aŭ al la stacidomo de Kunming.

Mi proponas al ĉiuj partoprenantoj de la 67-a IFEF-kongreso por partopreni en tiuj belegaj kaj neforgeseblaj postkongresaj ekskursoj.

**István Gulyás**

# ESTRARKUNSIDO DE IFEF EN ĈEĤIO

La aŭtuna estrarkunsido de IFEF okazis neregulan manieron. La unua parto de la estrarkunsido okazis en la urbeto Chodov en la 8-a kaj 9-a , kaj la duan parton oni organizis en la ĉeĥa ĉefurbo Prago en la 10-a de novembro 2014.




*Antaŭ la stacidomo Kraslice*

La **urbeto Chodov** situas en la nordokcidenta parto de Ĉeĥio, malproksime al la landlimo de Germanio. Unuaj skribaj informoj pri la urbeto estas dokumentitaj el la fino de la 12-a jarcento. Grava tempolimo de la ekonomia kaj la socia signifo fariĝis la rangaltigo de Chodov, fare de la imperiestro Jozefo Francisko la 1-a kiel urbo per dekreto de 30-a de septembro 1894. Sekve la imperiestro honorigis la urbeton per urba blazono, kiu simbolas aktivecojn tiutempe tipajn produktadojn de porcelanaĵoj, minejelfosadon de karbo, ekspluatadon de fervojo kaj agrikulturon.

La nuna urbeto Chodov havas pr. 15.000 loĝantojn. La historia centro de la urbeto post vasta rekonstruado estas agrabla loko por renkontiĝoj kun vico da kulturaj aranĝoj, por promenado kaj ripozo. Dominanto de la urbeto estas la baroka preĝejo de Sankta Laŭrencio, konstruita en la jaroj 1725-1733, en kies proksimo troveblas Kalvaria kolono, malfrue renesanca plastikaĵo el la jaro 1672, kaj la statuo de Sankta Sebastiano el la duono de la 18-a jarcento. Interesa estas ankoraŭ la Kolono de Maria el la jaro 1675 en la Malnovurba strato, la Memor-monumento al la viktimoj dum la militoj, la Gongoj de la origina turhorloĝo de la preĝejo fare en 1878, kaj la urba Biblioteko, konstruita en 1911.

Ĝustadire en Chodov okazis la **jarkonferenco** de la ĉeĥaj fervojistaj esperantistoj, kaj nur unu temon ni traktis tie en la kadro de la **estrarkunsido** de IFEF. Tiu temo estis la agadplano de IFEF, en kies kadro la estraro aŭskultis la raportojn de kelkaj gvidantoj de la laborgrupoj, kaj decidis pri la

pluaj farendaĵoj. Dum la jarkonferenco la estraranoj de IFEF parolis pri la movada situacio de IFEF, pri la laborplano, pri tiuj taskoj, kiuj helpas renovigi la vidmanieron kaj perspektivon de la labormetodo de la estraro, de la komitato, eĉ de la landaj asocioj. La ĉeĥaj partoprenantoj de la konferenco parolis pri la plibonigo de la movada laboro, pri la pligrandigo de la lingvoscio, pri la ebleco de la altigo de la membronombro. Estis interesa kaj instruaĵa konferenco.

La estraranoj havis eblecon dufoje – vespere kaj antaŭtagmeze - viziti la mondfaman **urbon Karlovy Vary,** kiu situas pr. 15 km-ojn de la urbeto Chodov. Tio estas distrikta urbo en okcidenta Bohemio, kunfluejo de la riveroj Ohre kaj Teplá. Laŭ la postrestaj skribadoj kaj la buŝa tradicio en la jaro 1350 la imperiestro Karel IV dum la restado en sia reĝa kastelo en Loket organizis ĉasiron en la ĉirkaŭaj arbaroj. Li trovis fonton kun varma akvo, kiun li nomis „Varmega banejo apud Loket", pli poste alnomita al Karlovy Vary. En la jaro 1370 Karel IV ordenis al la banejo urbajn rajtojn, la samajn kiel la urbo Loket. En 1522 aperis la unuan fakan libron pri la urbo kaj pri la ĉirkaŭaj kuracefikaj ŝpruc-fontoj. Sesdek jarojn poste trafis la urbon granda superakvego, kaj en 1604 okazis katastrofa brulego, kiu tute detruis la urbon. Simile okazis en 1759. Poste komenciĝis la konstruadoj de hoteloj, eĉ en 1807 en la urbo komencis produktado de likvoro „Becherovka", kiu en sekvaj jaroj famiĝis ne nur en Bohemio, sed ankaŭ en la mondo. En 1844 komencas evolui industrio, celante eksporton de mineralakvo. La evoluo de la urbo bezonis kunligon al fervojo, kaj en la jaro 1870 la urbo estis alligita al eŭropa fervoja reto. Fine de la 19-a jarcento Karlovy Vary transformiĝis ankaŭ arkitekture. Oni preferis la historiajn stilojn (novklasika, novbaroka kaj novrenesanca) de la konstruaĵoj. En la jaro 1929 en la urbo estis malfermita la „Flughaveno Karlovy Vary", kaj en 1946 estis



*En amika rondo*

fondita „Internacia filmfestivalo de Karlovy Vary”, kiu famigis la urbon en la tuta mondo.
Lokaj banejoj uzas mineralakvon kun kuracefikon, aperanta en granita kristaltavolo en profundo ĉ. 2000 metrojn. Tiu kuracakvo bonefikas en la kuracado de hepataj kaj internaj korpmalsanoj de stomako kaj hepato.



*Fiakro en Karlovy Vary*

Antaŭ kelkdek jaroj ankoraŭ pli ol cent fontoj funkciis, sed intertempe kelkaj kuracefikaj fontoj elsekiĝis. Momente 79 mineralakvaj ŝprucfontoj ekzistas, kaj multaj el ili estas uzataj por trink-kuracado. En la urbo troviĝas kvin kolonaroj. La mineralakvo nuntempe multe kontribuas por la urbaj monelspezoj, kaj la urbo klopodas protekti tiun.
La estraranoj de IFEF, helpe de Ladislav Kovar kaj edzino, travizitis la urbon kaj dumtage, kaj vespere. Ni admiris la belegajn kaj bonstatajn konstruaĵojn, la bele flegitajn parkojn, en kiuj en flavaj, ruĝaj, verdaj koloroj pompadas la arboj kaj arbustoj. Ni vizitis la kolonhalojn, en kiuj multaj homoj trinkis la mineralakvon el specialaj trinkpotetoj. Ankaŭ vespere ni promenadis en la urbo, kie multaj homoj rigardis la bele lumigitajn konstruaĵojn, stratojn, vendejojn, eĉ la tutan urbon. Belegaj ekskursoj estis.

La alia ekskurso okazis al la **urbeto Kraslice**, kiu situas apud la landlimo de Germanio, kaj tie ni vizitis la Fervojmuzeon. La historio de tiu muzeo estas interesa. Pli ol dek jaroj ekzistis fervoja ekspozicio en la stacidomo Klingenthal (germana landlima urbeto), kies establinto estis loka fervojamika societo. Tiu konstanta ekspozicio, direktiĝanta plejparte al la historio kaj evoluo de la fervojlinioj en la regiono Vogtland, estis konata ne nur en Germanio, sed ankaŭ en la Ĉeĥa Respubliko, precipe post la malfermo de la fervoja enirejo el Kraslice. En kelkaj ĉambroj estis kolektitaj tridimensiaj objektoj, planoj, fotografaĵoj kaj aliaj dokumentoj pri fervojlinioj sur la ĉeĥa kaj saksa flankoj de la ŝtata landlimo. Ĉar la Germana Fervojo preparis vendon de vasta objekto de la stacidomo en Klingenthal,

germanaj kolegoj estis devigitaj serĉi novan lokon por la ekspozicio. Parton de la ekspoziciaĵoj ili sukcesis transloki en la stacidomon de la proksima Schöneck, alia parto estis enlokita en Kraslice, kie ĝi troviĝas spacojn de iama fervoja restoracio. La ekspoziciatajn objektojn senpage pruntedonis Germanio, kiun kompletigis la Ĉeĥaj Fervojoj, la akcia kompanio Viamont kaj privataj posedantoj. La objektoj en la muzeo havas bonan staton, eĉ multaj el ili ankoraŭ funkcias. La muzeo ankaŭ estas dokumentara centro. Je dispono estas literaturo kaj aliaj printaĵoj pri historio ne nur de la fervojlinio el Sokolov al Klingenthal, sed ankaŭ pri aliaj fervojlinioj en la regiono. Estas interese, ke la fervojlinio inter Sokolov kaj Klingenthal en la jaro 1998 estis ludonita al la kompanio Viamont, kiu en la sama jaro refunkciigis la trafikon al Hraniĉná. Post la rekonstruo de la translima parto de la linio, kaj la konstruo de mankanta ponto en la saksa teritorio, en la fino de majo 2000 estis refunkciigita ankaŭ internacia trafiko al Germanio. La kompanio enkondukis sur la linio simpligitan trajnsekurigon kaj pligrandigis la rapidecon de la trajnoj.

La estraranoj de IFEF per buseto kaj aŭto-mobilo veturis vendrede posttagmeze al Prago. Post la komuna vespermanĝo - per la gvidado de Anna Abelovská – ni longe promenadis en la vespera, kaj bele lumigita Prago, kaj ni rigardis la tutan mal-novan urboparton, la Karlo-Ponton sur la rivero Vltava, la faman horloĝon „ Orloj”, la plej grandan placon Vencesla k.a. Estis tre interesa, ke preskaŭ noktmeze multaj homoj – ĉefe turistoj – promenadis sur la stratoj.



*En la fervoja muzeo de Kraslice*

Mi jam plurfoje skribis pri la ĉefurbo de la Ĉeĥa Respubliko **Prago** en nia revuo, pro tio mi mencias nur kelkajn frazojn pri tiu belega „Ora Prago”. La plej vizitata vidindaĵo estas la „Karlo-Ponto”, kiu konstruiĝis en 1357. Sur la ponto veturiloj ne rajtas trafiki, kaj ĝi dum multaj jarcentoj gardas la riveron

Vltava. La alia impona vidindaĵo estas la fortikaĵo „Hradĉany” kun la katedralo „Sankta Vito” kaj kun la „Ora Strateto”. La plej vizitataj vidindaĵoj estas la „Malnovurba Placo” kun la preĝejoj de „Sankta Nikolao” kaj „Maria Tyn”, eĉ kun la unika astronomia horloĝo „Orloj”, kies kreanton – laŭ la legendo - oni blindigis por ke li ne povu krei similan horloĝon. En ĉiu horo la astronomia horloĝo ludas interesan programon, kiam en la fenestro aperas apostoloj, skeletulo sonorigas, virkoko kokerikas, kaj ĉion finis viva trumpisto en historia vesto staranta supre en la tura belvidejo. En tiu ĉi placo oni povas vidi la naskiĝdomon de ”Franz Kafka” kaj la monumenton „Johano Hus”. Mi mencias ankoraŭ la „Venceslan Placon” kun la „Nacia Muzeo”, kie multaj revoluciaj eventoj okazis dum jarcentoj. Ankaŭ estas unika vidindaĵo la „Juda Kvartalo” kun sinagogoj, kaj kun la malnova juda tombejo, la baziliko „Sankta Petro kaj Paŭlo”, eĉ pli ol 100 preĝejoj kaj aliaj ekleziaj konstruaĵoj. Tiuj formas la ĉeftrezoron de Prago. La ĉefurbo estas magia kaj interesa, fiera pri sia riĉa historio, kaj preskaŭ ĉiuj konstruaĵoj fabelas pri la pasinteco ĉefe en la malnova urboparto. Do Prago estas belega, kaj ĝi estas inda kaj merita por viziti tiun.


*La "Malnovurba Placo" en Prago*

Okaze de la nuna estrarkunsido de IFEF en Prago, ni vizitis la interesan bierejon eĉ restoracion „Vytopna” (Remiza Hejtejo). En tiu restoracio al ĉiuj tabloj kondukas malgrandaj relparoj, sur kiuj trafikas modelfervojaj lokomotivoj kaj kelkaj ŝarĝvagonoj, en kiuj la kelneroj sendas la bierojn kaj aliajn trinkaĵojn al la gastoj. Poste la modelfervojo forveturigas la malplenajn glasojn. La manĝojn mem alportas kelneroj. Ni trinkis nigran bieron „Krušovice”, kaj ni ĝuis la interesan etoson.
Mi povas konstati, ke Prago estas la paca ĉefurbo de la bierkulturo.

La **estrarkunsido** okazis en la stacidomo „Masarikovo”. Ĉar multaj gravaj kaj tiklaj temoj rolis inter la tagordoj de la estrarkunsido, la estraro lunde la 10-an de novembro 2014 dum la tuta tago traktis kaj faris decidojn.

Dum la estrarkunsido partoprenis kvar estraranoj, la ĉefkomitatano, la organizanto Anna Abelovská, la honora membro Jean Ripoche, kaj parte Bodo Ehrlich kaj Heinz Hoffmann el Germanio, Ladislav Hakl kaj Ladislav Kovár el Ĉeĥio. Bedaŭrinde pro familiaj kaŭzoj mankas la vicprezidantino Sylviane Lafargue.

La estraro ekzamenis la situacion de la preparlaboro de la 67-a IFEF-kongreso, okazonta en Ĉinio, kaj konstatis, ke devas fari kelkajn ŝanĝojn en la programo. Estas grava temo, ĉu la komitato havos kvorumon dum la komitatkunsidoj en la 67-a IFK? Laŭ la decido de la komitato en la 66-a IFEF-kongreso estas la jena: „La minimuma nombro de membroj por starigi landan asocion estas 5. Landa asocio kun 10 ĝis 40 membroj rajtas delegi unu komitatanon, kaj unu plian por ĉiu komencita 40, maksimume kvin komitatanojn”. Se ni kalkulas la nombrojn de la landaj asocioj, kaj ni kalkulas kun tiuj komitatanoj, kiuj verŝajne partoprenos en la 67-a kongreso, ni esperas, ke la komitato estos decidkapabla.

La alia grava temo estis helpi la organizadon de la 68-a IFEF-kongreso, okazonta en bulgara urbo Blagojevgrad. La problemoj en la 62-a IFK, kiu ankaŭ okazis en Bulgario, servu al ni kiel leciono. Pri tiuj problemoj (hotelkostoj, ekskursoj, lingvaj problemoj k.a.) mi detale skribis tiam en nia faka revuo „Internacia Fervojisto”. Do la estraro devas helpi al la LKK-anoj de tiu kongreso, kaj atentigi ilin pri la eraraj decidoj. La 69-a IFEF-kongreson la kubaj esperantistoj planas organizi en 2017.



*Dum la estrarkunsido*

La estraro detale analizis la redakciajn aferojn, ĉar la kvarmembra Redaktora Komisiono de IFEF apenaŭ funkcias, ja mortis Jozefo Cziboly, kaj jam pli ol kvar monatoj János Patay estas en hospitalo pro gravaj malsanoj. Ankaŭ estas „eterna” problemo, ke la IFEF-membroj ne aŭ apenaŭ sendas artikolojn por IF. La plua problemo estas la pres- kaj

sendokostoj de nia revuo. Pro tio la estraro instigis la landajn asociojn, por ke ili petu la IF-on elektronike. Por la malpliigo de la kostoj, en la lasta kongreso la komitato akceptis la proponon de la estraro, ke estu du diversaj jarkotizoj. Laŭ tiu propono tiuj membroj, kiuj petas la IF-on papere, pagu 15 Eŭrojn, kiuj akceptas la IF-on elektronike pagu 9 Eŭrojn po jare. Ĝis nun jam venis proponoj, laŭ tiuj multaj landaj asocioj akceptas elektronike la IF-on.

La financaj problemoj de IFEF espereble solviĝos per tiu praktiko, eĉ IFEF povos finance helpi al kubanoj por organizi kongreson. Inter la eksteraj rilatoj estas novaĵo, ke pro familiaj kaŭzoj la vicprezidantino devis rezigni la postenon „Komitatano „A" de IFEF ĉe UEA". Ŝi jam ne povis partopreni en la Universalaj Kongresoj en Vjetnamio kaj Argentino. Mi ege bedaŭras tion, ĉar mi plenigis tiun postenon pli ol 30 jaroj, kaj mi partoprenis en ĉiuj UK-oj en tiu periodo, kaj nia Federacio akiris bonan reputacion ĉe UEA pro la regule organizado de fervojista kontaktkuveno dum la kongresoj, pro la aktiveco dum la komitatkunsidoj kaj aliaj kongresaj eventoj ktp. Mi esperas, ke IFEF trovos taŭgan fervojistan esperan-tiston, kiu digne daŭrigos tiun agadon.



*Dum la estrarkunsido*

Estas malbona afero, ke la interrilato kun FISAIC ne pliboniĝis. Pri la diversaj proponoj de IFEF, la membroj de la Ĝenerala Asembleo ne montris gravan intereson. Mi esperas, ke helpe de la franca, germana kaj ĉeĥa delegitoj, IFEF denove rolas elstare en la kadro de FISAIC, eĉ nia Federacio povos partopreni en la projekto pri financado pere de Eŭropa Unio.

Estas granda sukceso, ke la renovigita „Kunlabora Interkonsento" kun la medicinistoj (UMEA) estis aprobita kaj subskribita fare de la du prezidantoj, kaj laŭ tio la ekzemplodona kunlaboro daŭrigos. Ankaŭ daŭrigas la kunlaboro kun la instruistoj (ILEI). La kunlaboro kun la sciencistoj (ISAE) pro la morto de la antaŭa prezidanto ne funkcias. Mi esperas, ke la nova prezidanto de

ISAE – José Antonio Vergara – apogos la kunlaboron inter la du asocioj. Dum la estrarkunsido la plej tikla temo estis la agadplano, kaj la situacio kaj estonto de IFEF. Tiun tagordon jam en Chodov traktis la estraro, kaj en Prago denove trarigardis tiun. Laŭ la decidita programo entute du komisionoj agadas sur tiu tereno, kaj sep laborgrupoj establiĝis por plibonigi la agadon de IFEF. Tiuj estas: Faka Komisiono: gvidanto: Jan Niemann; Redaktora Komisiono: gv.: István Gulyás; Laborgrupo pri Statuto: responsulo: Romano Bolognesi; Laborgrupo pri instruado: resp.: Rodica Todor; Laborgrupo pri eksteraj rilatoj de IFEF: resp.: Rodica Todor; Laborgrupo pri rilatoj interne de IFEF: resp. Jindrich Tomísek; Laborgrupo pri historio kaj arkivo de IFEF: resp.: Jan Niemann; Laborgrupo pri modernigo de informado en la nuna reta epoko: resp. Ladislav Hakl; Laborgrupo pri financado de projektoj: resp.: Ladislav Kovár. Ĉiu Komisiono kaj Laborgrupo havas kelkajn kunlaborantojn el la landaj asocioj. La estraro de IFEF esperas bonajn kaj verajn rezultojn de tiuj Komisionoj kaj Laborgrupoj. La estraro determinis la konkretajn kaj plenumitajn taskojn, kiuj kongruas kun la Statuto de IFEF, la difinitajn limdatojn kaj rimedojn por kunlabori.



*En la restoracio Vytopna. Je viaj sanoj!*

Fine la estraro decidis pri la loko kaj la dato de la printempa estrarkunsido. Laŭ la invito de la Franca Fervojista Esperanto-Asocio tiu okazos en la franca urbo Dijon kadre de la Franca Fervojista Esperanto-Kongreso inter la 11-a kaj 14-a de aprilo 2015.

Mi dankas al la ĉeĥaj fervojistaj esperantistoj, ĉefe al Anna Abelovská, Jindrich Tomísek, kaj Ladislav Kovár tiujn belegajn tagojn en Ĉeĥio, la taŭgajn cirkonstancojn por kunsidi, la zorgadon por tranokti, veturi, manĝi kaj ĝui la amikan etoson.

**István Gulyás**

# La ĉefa fakprelego en Herzberg 2012 – plia evoluo - n-ro 4

## Granda publika aŭdienco en Germanio finiĝis.

Meze en la somero 2014 la marfunda koneksoprojekto tra markolo *Femern Belt* atingis gravan mejloŝtonon, kiam finiĝis publika aŭdienco en Germanio. La germanaj aŭtoritatoj ricevis ĉ. 3000 aŭdiencajn respondojn de unuopaj personoj kaj de diversaj organizoj.
En Germanio estas normale, ke oni ricevas multajn respondojn, kiam temas pri tiomgrandaj projektoj, kaj fakte la dana konstru-mendinto *Femern Belt A/S* antaŭvidis 3- aŭ 4-oble pli da reagoj.
Tamen la iama redaktoro de tagĵurnalo *Der Nordschleswiger* (La Nordŝlesvigano), *Siegfried Matlok*, diras al la dana ŝtata sendostacio *Danmarks Radio*, ke la reagoj kaj protestoj verŝajne malfruigos kaj plikostigos la koneksoprojekton.
La prezidanto de merkatevoluiga entrepreno *Femern Belt Development*, *Svend ErikHovmand*, kontraŭdiras tion. Li estas konvinkita, ke *Femern Belt A/S* sin bone preparis por respondi al ĉiuj amaskomunik-rilataj demandoj kaj protestoj. ”Mi opinias, ke estas signo de eĉ tre bona preparlaboro, ke venis ’nur’ 3000 respondoj al la aŭdienco”, li diras. ”Kompreneble la germanoj estas fieraj mond-ĉampionoj de futbalo, sed ni ne forgesu, ke kun la spertoj el la *Storebælt*- kaj *Øresund*-koneksoj Danio estas mondĉampiono, kiam temas pri konstruo de pontoj kaj tuneloj. Mi certas, ke ni kiel planite povos traveturi la novan tunelon en 2021.”
Fonto: *Femern Belt Development novaĵletero, 7/8-2014*

## La dana transportministro faris la unuan ekfoson.

Marde, la 3-an de Septembro 2014, ĉiuj ’gravuloj’ de *Banedanmark* estis ĉe stacio *Orehoved* por spekti, ke *Magnus Heunicke* faris la unuan ekfoson por la nova fervojlinio.
Eble vi memoras pri la fakprelego en *Herzberg*, ke ni rakontis pri la unua ekfoso por la ”Birdfluglinio” *(Rødby – Puttgarden)*. Ĝi okazos la 14-an de Septembro 1941, sed ne sen problemoj: La tiama trafikministro *Gunnar Larsen* rompis la ŝpaton! Oni flustris, ke temas pri sabotado, sed oni neniam ion pruvis. Restas la bela mito!
Por ĉi tiu fojo oni antaŭzorgis pri ĉio, tiel ne okazu denova paneo: La ministro estis oranĝkolore vestita kun ĉapelo kaj botoj (ĉio pro sekureco), kaj la iaman ŝpaton oni anstataŭis per granda hidraŭlika martelo, kiu vibradas tiel, ke la ŝtopsepta fero-stango iras en la teron.

Per vibrado, kiu skuis la teron, *Magnus Heunicke*, kontraste al sia antaŭulo, sukcese kaj senprobleme lanĉis la promocion de ”Birdflug-linio”. En 2021 sur la linio trafikos ne nur pasaĝertrajnoj veturantaj ĝis 200 km/h, sed ankaŭ vartrajnoj ĝis pli ol 1 km longaj. Estis gaja transportministro, kiu enmetis la unuajn ŝtopseptajn ferostangojn ĉe stacio *Orehoved*.

”Per tiu nova linio *Ringsted – Fehmarn* ni malplilongigos la vojaĝtempon al Kopenhago. De *Næstved* al Kopenhago daŭros nur 34 minutojn (nun minimume 53), kaj eĉ *Nykøbing Falster* – Kopenhago atingos la magian vojaĝtempon ‘malpli ol unu horo’ (nun minimume 1 h 33 minutoj). Mi estas konvinkita, ke laŭ tiuj kondiĉoj pli da homoj uzos la trajnon anstataŭ ‘vicestari’ en aŭto sur la grandaj ŝoseoj”, diris *Magnus Heunicke*.



*Transportministro Magnus Heunicke en la stirejo*

## Ĝojas pro loka engaĝiĝo

Kvankam la nova fervojlinio *Ringsted – Fehmarn* estas inter la plej grandaj projektoj iam de *Banedanmark*, oni sukcesis sekurigi, ke grandan parton de la laboro lokaj entreprenistoj kaj metiistoj povas fari. Tio ĝoigas precipe la prezidanton de *Femern Belt Development, Svend Erik Hovmand.*

”Estas bona tago; hodiaŭ ni vere fidas, ke la konekso tra *Femern Belt* realiĝos. Finfine ni ekas. Kaj estas precipe granda ĝojo konstati, ke granda parto de la laboro – ekzemple la senbruiga laboro por 1.700 loĝejoj laŭlonge de la fervojlinio – estos farita de lokaj metiistoj kaj entreprenoj. En *Femern Belt Development* ni uzis multajn fortojn por sekurigi tion, kaj pro tio ni estas kontentaj hodiaŭ”, diris *Svend Erik Hovmand*.

Fonto: *Femern Belt Development novaĵletero, 3/9-2014*

**DEFA**

## La 22-a INTERNACIA ESPERANTO-SEMAJNO DE LA KULTURO KAJ TURISMO SALOU 4 -11.10. 2014

Komence de oktobro la urbo Salou situanta proksime de Tarragono en Hispanio gastigis la kvaran fojon Internacian E-Semajnon. Jam de kelkaj jaroj la nombro de ĝiaj partoprenantoj superas 140. Ĉi-foje ili venis el dekdu landoj. Alloga loko ĉe la maro altiras geesperantistojn por komuna unusemajna restado en bona etoso. Multaj jam konas unu la alian, sed ĉiam aperas novuloj, kiuj bone integriĝas al la grupo de fideluloj. La plej aĝaj estis la geedza paro el Katalunio: Trini García 97-jaraĝa kaj Joseph Colom baldaŭ 100-jaraĝa! Al ili estis ĉi-jare aljuĝita la premio "Ada Sikorska Fighiera" pro ilia meritplena laboro por Esperanto.




En la solena inaŭguro ĉeestis kaj bonvenigis nin la urbestro de Salou s-ro Pere Granados Carillo. Li prezentis al ni la urbon el la vidpunkto de turismo, substrekis gravecon de Esperanto kaj deziris al ni sukcesplenan restadon kaj fruktodonan laboron. Poste okazis komuna fotado.

Dum la Semajno okazis E-kursoj. Progresantojn gvidis la sperta instruantino Rodica Todor el Rumanio. Ĉi-foje ŝi proponis tre interesan temon: "Esperanto - Ponto inter kulturoj en multlingva, pluretna socio". Ŝi klarigis FLAM-analizon, laŭ kiu ni poste en grupoj diskutis kaj faris konkludojn. FLAM temas pri: Fortoj-Lamaĵoj-Avantaĝoj-Minacoj. Pluraj partoprenantoj en tiuj diskutoj rakontis pri siaj spertoj rilate la instruadon, redaktadon de lokaj bultenoj aŭ organizadon de diversaj aranĝoj kaj staĝoj. Ili dividis siajn sciojn kaj spertojn kun aliaj. Pri komencantoj okupiĝis Thierry Saladin. Li ankaŭ prezentis prelegon kaj klarigis pri la internacia peticio titolita "Esperanto, oficiala lingvo de Eŭropa Unio Tuj!" iniciata de 16-jaraĝa junulo en februaro 2013. La deziro estas akcepti Esperanton TUJ! Tiucele estis fabrikitaj T-ĉemizoj, kiujn Thierry vendadis dum la aranĝo.

Gian Carlo Fighiera regalis nin per la verko de Alexander Puŝkin "La Neĝoŝtormo"

kaj “La Damo de Piko”. Fine ni ĝuis la novelon “Palto” de Nikolaj Gogol.
Floreal Gabalda projekciis filmon el Nepalo pri la “Speciala Renkontiĝo”, okazinta tie ĉi-jare komence de marto. Ni partoprenis en ĝi. Multaj aprezis la filmon kaj demandoj pri niaj spertoj ne mankis.
Marcel Delforge parolis pri siaj vivspertoj kaj rakontis pri kelkaj el siaj multnombraj vojaĝoj en Esperantio ilustrante ilin per kelkaj bildoj.
Rafaela Urueña prezentis sian libron ”Eŭropo paŝon post paŝo” el jura vidpunkto. Intereso pri kelkaj ekzempleroj kiujn ŝi kunportis estis granda kaj la stoko rapide elĉerpiĝis.
János Petik prezentis la temon ”La disvastigo de Esperanto”, sed antaŭe li parolis pri kelkaj gramatikaĵoj.
Vesperaj programeroj inkluzivis du interkonatiĝojn. María Ferigle Danti prezentis per DVD operon “IL TROVATORE”. Ŝia edzo Luis Serrano Pérez animis du vesperajn debatojn: “Kiun influon havas nia movado en la socio?” kaj “Ĉu la Semajno bone funkciis?”. Oni povas diri, ke “jes” malgraŭ kelkaj malglataĵoj. Luis ĉefe okupiĝis pri libroservo. Je dispono de la partoprenantoj estis ankaŭ fotoalbumoj. La ĉeestantoj povis trarigardi ilin kaj ekmemori antaŭajn E-Semajnojn kaj aliajn E-eventojn. Unu el la plej atendataj kaj ŝatataj eventoj estas la folklora vespero kun la ensemblo *Montjuic*, kiu ĉiam regalas nin per belaj havanaj kantoj instigaj al dancado. Tiuokaze ne mankas *Cremat* - bongusta trinkaĵo el bruligita rumo kun aldonaj spicaĵoj.
Okazis unu tuttaga kaj du duontagaj ekskursoj. Pri la gvidado zorgis Rosa López kaj Antonio Martinez. Ni vizitis groton de Maravelles. Kuriozaĵo en tiu groto estas, ke el la plafono pendas kelkaj kalkaj formaĵoj kreskantaj ĉiudirekten. Partoprenantoj de la alia duontaga ekskurso vizitis la urbon Tarragono. Kelkaj profitis belan veteron por refreŝiĝo en la hotela naĝejo aŭ en la maro, aliaj promenis tra la urbo Salou, iuj vizitis la amuzparkon “Bona Aventuro”. Grupeto de piedirantoj promenis ĝis novkonstruita lumturo situanta ne tro malproksime de la *Cap Best Hotel,* en kiu ni loĝis. Survoje al ĝi Antoni Comellas atentigis nin pri kelkaj botanikaj plantoj kaj kompetente informis pri ili. La tuttaga ekskurso gvidis nin al la urbo Amposta, kie ni enŝipiĝis kaj navigis sur la rivero Ebro ĝis la maro.
Koran dankon al la katalunaj samideanoj pro ilia fervora laboro kaj okazigo de tiu-ĉi plaĉa aŭtuna evento al kiu ni jam sopiras venontjare.

**Liba Gabalda**

# HONORIGITOJ

Laŭ la preskribo de la Ĝenerala Regularo de IFEF (§ 26), ni publikigas la liston pri la **vivantaj** honoraj prezidantoj kaj membroj de IFEF, pri honoraj membroj de FISAIC, pri honorigitoj per speciala FISAIC-medalo kaj pri Honora Patrona Komitato de IFEF.

**Honoraj Prezidantoj de IFEF**

| | | |
|---|---|---|
| Dr Bolognesi, Romano | Italio | 2009 |

**Honoraj Membroj de IFEF**

| | | |
|---|---|---|
| Kruse, Elfriede | Germanio | 1980 |
| De Sutter, Lucien | Belgio | 1997 |
| Patay, János | Hungario | 2000 |
| Glättli, Ernst | Svisio | 2001 |
| Li, Sen | Ĉinio | 2006 |
| Nobuki,Naosuke | Japanio | 2006 |
| Robiolle, Pierre | Francio | 2007 |
| Stuppnig, Martin | Aŭstrio | 2008 |
| Inĝ Gulyás, István | Hungario | 2009 |
| Dr Hoffmann, Heinz | Germanio | 2010 |
| Brletić, Marica | Kroatio | 2010 |
| Ripoche, Jean | Francio | 2010 |

**Honoraj Membroj de FISAIC**

| | | |
|---|---|---|
| De Sutter, Lucien | Belgio | 1998 |
| Ph Dr Abelovská, Anna | Ĉeĥio | 2007 |

**Honorigitoj per speciala FISAIC-medalo**

| | | |
|---|---|---|
| Geroldinger, Johann | Aŭstrio | 1967 |
| Kruse, Elfriede | Germanio | 1975 |
| Robiolle, Pierre | Francio | 1994 |
| Huber, Walter | Aŭstrio | 2010 |
| Tomíšek, Jindřich | Ĉeĥio | 2012 |

**Honora Patrona Komitato de IFEF**

| | | |
|---|---|---|
| Ceci, Pasquale | Italio | 1970 |
| Dr Boulton, Marjorie | Britio | 1977 |
| Inĝ Rodak, Aleksander | Pollando | 1987 |
| Vojtech, Zelenka | Ĉeĥio | 2003 |
| Ph Dr Abelovská, Anna | Ĉeĥio | 2011 |

## ASTRID BIRKBAK
## (05.12.1933 - 04.11.2014)



La 4-an de novembro 2014, post mallonga restado en malsanulejo, nia karulino Astrid Mariane Birkbak trankvile forpasis. Kvankam dum kelka tempo ŝi havis problemojn pri la sanstato ŝia morto estas ŝoko kaj severa frapo al ni ĉiuj.

Astrid estis fervojistino dum preskaŭ 40 jaroj, kaj la natura kadro por esperanta aktiveco estis la fervojista movado. Ŝi, plej ofte kune kun Erik, estis eĉ tre aktiva membro de DEFA kaj IFEF dum jardekoj.
Ĉiam gaja kaj aktiva, la plej bona amikino en la mondo, talenta kantverkisto, scianta pri multaj temoj, entuziasma pri ĉio, kion ŝi faris. Ŝi estas tre konata vizaĝo en la movado, kaj ni estas multaj, al kiuj ŝi nun mankas. Kompreneble por ŝia edzo Erik kaj la familianoj tiu manko estas terura, kaj niaj pensoj iras al ili, kiuj nun bezonas ĉiujn fortojn por kune kompreni kaj prilabori la forpason kaj perdon de karulino. La memoro pri Astrid restos por ĉiam ĉe ni.

**Jan&LeneNiemann, DEFA.**

## WILHELM BARNICKEL
## (02.09.1921 – 26.09.2014)



Denove funebras la fervojista esperantistaro. Mortis Willi Barnickel, brila esperantisto, kiu en la jaro 1996 ricevis la plej altan distingon de IFEF ”Honora Membro”. Li naskiĝis en 1921 en Fulda, kaj mortis en 2014 en Frankfurt am Main. Li estis ŝtatoficisto ĉe la Federacia Fervojo de Germanio en Hilders (Rhön), Frankfurt am Main kaj Majenco kie li pensioniĝis. Post la frua morto de lia edzino li vivis sola.

Li lernis Esperanton en la 1950-aj jaroj, gvidis kursojn kaj tradukis multajn fakajn kaj aliajn materialojn. Li estis membro de la Esperanto-Societo Frankfurt am Main, membro de la estraro, vicprezidanto, eĉ prezidanto. Li partoprenis en multaj IFEF-kongresoj, ne mankis ankaŭ ĉe la jarkunvenoj de la Germana Esperanta Fervojista Asocio, kaj vizitis ankaŭ Universalajn Kongresojn.
La Esperanto-Societo Frankfurt am Main, kaj la tuta fervojista Esperanto-movado funebras lin. Li ripozu en paco!

**Walter Ullmann**

INTERNACIA FERVOJISTO
64-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

Prezidanto: Rodica Todor (Rumanio)
rodica_todor@yahoo.com

Vicpr: Sylviane Lafargue (Francio)
sylviane.lafargue@dbmail.com

Sekretario: Vito Tornillo (Italio)
vitorni@virgilio.it

Kasisto: Laurent Vignaud (Francio)
laurent.vignaud@free.fr

Redaktora Komisiono:
Gvidanto: István Gulyás (Hungario)
istvan.gulyas@hdsnet.hu
Membroj: J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud"
9 293 74 Y NANTES
IBAN: FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo:PSSTFRPPNTE

UEA-konto: iffk-o

Apermonatoj:
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro

Redaktofino:
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

ISSN 0230-323x
www.ifef.net

Faka Komisiono:
GV: Jan Niemann
niemann@kabelmail.dk
SK: D-ro Heinz Hoffmann
hoffmann-ifef@cablemail.de
SK: Inĝ Ladislav Kovař
kovar.lad@email.cz

## HEINZ DIETER HARTIG
## (13.11.1928 –05.11. 2014)



Kun profunda kordoloro ni sciigas la fervojistan esperantistaron, ke Heinz Dieter Hartig, 86-jaraĝa, 5-an de novembro 2014 mortis. Li estis entuziasma esperantisto, fidela membro de la Germana Esperanta Fervojista Asocio kaj la Internacia Fervojista Esperanto- Federacio.
Li estis germana fervojisto, kaj li laboris dum lia longa laborperiodo kiel sperta lokomotivestro ĝis 1985 ĉe la Federacia Fervojo de Germanio.
En sia juna aĝo li jam konatiĝis kun Esperanto, kaj ekde tiam li partoprenis en la fervojista E-movado. Li kunportis freŝan venton en la vivo de la Terminara Komisiono, kiam en 1976 li komencis eldoni Terminaran Kurieron, kiun li redaktis ĝis n-ro 109 en 1999. Por tio li en 1986 kreis komputilajn programojn. Li ankaŭ redaktis la germanan bultenon „Fervoja Esperantisto" ekde 1997 ĝis antaŭ kelkaj jaroj. Li pretigis Nacian Terminaron germana-Esperanto jam en 1994, kaj iĝis aktiva kunlaboranto de la Faka Komisiono. Li partoprenis en multaj IFEF-kongresoj, eĉ faris fakprelegojn. Li verkis multajn gravajn fak-artikolojn, kaj belartajn skribaĵojn. Por ni la plej grava libreto estas la „Vojoj al sukceso". Ĉi tiun libreton ni aperigis en kvin daŭrigoj en nia faka revuo IF, por ke helpe de tiu studaĵo la fervojistaj esperantistoj ricevu iun imagon kaj proponon por atingi sukceson en la fervojista E-movado. Pro lia multflanka, efika kaj entuziasma agado li ricevis distingojn en 1988 „Ora FISAIC-medalo", kaj en 2001 „Honora Membro de IFEF". Ni klinigu niajn kapojn antaŭ la memoro de Heinz Dieter Hartig. Li ripozu en Paco!

**GEFA, IFEF**